Eduardo Vivancos

La libereco de l' longdistanca kuristo.

*Dum la vintro malvarma en 1939, Eduardo Vivancos kune kun multaj miloj da homoj piede trairis Pireneojn. Tie li renkontis senegalajn gardistojn, post kio pasis ses longajn jarojn en koncentrejoj. Ni parolu pri kuristo en kruela tempo.*

-----

*Unu el liaj infanaj memoroj estas delokita ŝultro, kaŭze de falo disde arbo en "El Turó de la Peira". La familio Vivancos ankoraŭ loĝis en Barcelono (en "las Casas Baratas de la Horta"), sed poste transloĝiĝis al urbocentro, al domo no. 82 de "Cruz de los Monteros en Pueblo Seco". Kiam li aĝis dekkvar jarojn, jam estis laboranta. Li aniĝis al plej grava sindikato anarĥisma en Eŭropo: la "CNT" ("Confederación Nacional de Trabajo = Konfederacio Nacia Labora).*

Liaj patroj estis kleraj homoj, kiuj havis maldekstremaj ideoj (ankaŭ Domingo lia patro estis CNT-isto), pro tio, ke ili loĝis en Barcelono dum la intermilita tempo. Li havis unu fratinon Julieta. En la lernejo ("Escuela del Trabajo") li estis bona studanto, konanta tiamemodernajn ideojn, nome sekularan edukadon, ofte lernante per la kataluna. Iĝis li la proparolisto ("vocero") pri sportoj de tiu lernejo, en la "Federación de alumnos y exalumnos de la Escuela del Trabajo" (Federacio de studantoj kaj eksstudantoj de la Lernejo je l' Laboro).

Lia fratino rakontas, ke li ĉiam estis kuranta ien kaj tien kaj ke li ĉiam estis tre sendependema.

Li gajnis loton kaj aĉetis ludilojn kaj vestaĵojn por si.

Li jam ekkonis, ke sia plej granda pasio estis atletismo.

*Li ŝatas senti la venton kontraŭ sia brusto kaj decidis, ke li estos kuristo. Lia unua konkurso estis kurado je 3.000 metrojn. "La unuajn 300 metrojn mi kuris plej rapide, kiel eble, antaŭ ĉiu...", li memoris. "Kiam mi preteris la unuan kilometron, la duono el la aliaj kuristoj preterkuris min... Tio ne estis sprita agado, sed ja estis granda leciono".*

Li ne fumis nek drinkis, sed emis iri kinejon post trejnado, kio ŝajne estis gravaĵo en lia vivo.

--------

En Barcelono, dum la civila milito, lia patro spertis angoron esti kaj militestro de la Respublikanoj kaj kontraŭmilitisto; dum Eduardo kuris plu. Tia kurado estis nutrigita de la problemoj en lia lando: la katalunistojn kaj la komunistojn kontraŭis la anarĥistoj kaj anoj de l' POUM ("Partido Obrero de Unificación Marxista" Laboranta Partio je Marksista Unuiĝo).

Dum plej kruelaj jaroj de l' milito, li suferis malsaton kaj punbatojn; tamen ankaŭ spertis amikecon kaj helpemon. Li skribis, sed liaj tekstoj ne daŭris ĝis nia tempo.

En 1945 li aniĝis al SAT (Sennacieca Asocio Tutmonda). Li responsas la redakcion de Senŝtatano, gazeto de "Internacional Juvenil Anarquista" publikita tute en Esperanto. Kaj lia esperanta agado ne ĉesos... Iam li estis kun la kanadaj kuristoj en japana flughaveno, kie multaj homoj lin atendadis. Eduardo alproksimiĝas al ili kaj tute senkomplike interparolas. La kanadanoj tion ne povis kredi: "Efektive vi estas plurlingvulo. Vi scipovas ne nur la anglan, la hispanan, la katalunan, sed ankaŭ la japanan!" Kompreneble, li ne parolis tian lingvon, sed interkomunikiĝis per Esperanto.

------

Lia esperanta agado estis rimarkinda kaj interkomunikiĝis kun aliaj esperantistoj.

*Eduardo ne estis rimarkeble konkurema. Iun tagon mi demandis al li, kial li kuris. Mirite li vidis min kaj diris: "Pro tio ke kuri estas plezuro".*